# Esperanto en Azio

**(Komisiono de UEA pri Azia Esperanto-Movado)**

**N-ro 86**

Bulteno de KAEM
Januaro 2015

Retadreso de KAEM
azia-komisiono-de-uea-kaem@yahoogroups.com
(ne aliĝinte al la grupo, oni povas mesaĝi)
http://www.esperantoazia.net/club/myclub/?url=kaem
(« Esperanto en Azio » troviĝas en tiu retejo)

----------------------------------------------------------------------

# Feliĉan Novjaron!



## Esperanto disvastiĝu en la tuta Azio!
## Ŝafa Jaro estu fruktodona!

# Vojo al 'Region-bloka movado'

**LEE Jungkee (estrarano de UEA pri Azia movado)**

Tiu ĉi jaro estas historia por ni, esperantistoj, pro tio, ke ni festos la 100-an Universalan Kongreson en Lillo, Francio. Estas momento, ke oni meditu ĝisnunan iradon de Universalaj Kongresoj, dume ni devas pentri novan jarcenton.

Parenteze, kiamaniere ni plifortigos Esperanto-movadon en Azio? Ĝis nun ni cerbumis, spertis kaj provis ĉiamaniere. Jen mi proponas, ke ni movadu kun la slogano 'Region-bloka movado' por azia movado.

En la 20-a de aprilo kurantjare okazos 'Strategia Forumo de UEA pri Orientazia Movado' kun la prezidanto de UEA prof. Mark Fettes en la urbo Hangzhuo, Ĉinio.

Sendube en la forumo gvidantoj de la orientazia regiono diskutos por serĉi vojon por efika kunlaboro inter koncernataj landaj asocioj. La forumo estas provmodelo por serĉi novan movado-manieron region-bloke.

Estas malfacile ofte havi kunvenojn de ĉiuj aziaj esperantistoj reale, pro tio regula okazigo de Azia Kongreso estas inda kaj enda. Krome ni devas havi renkontiĝon laŭ region-bloko. Tial mi volas akcenti, ke ni movadu region-bloke: Orienta, Sudorienta, Suda, Okcidenta kaj Centra.

En la orienta regiono regule okazas KS (Komuna Seminario inter Ĉina, Japana, Korea kaj Vjetnama Junularoj) kaj ISOA (ILEI-Seminario en Orienta Azio).

En la suda regiono okazis SAS (Sud-Azia Seminario) en Pakistano kaj sekvos ĝin la 3-a en Srilanko. Krome Himalaja renkontiĝo estas sufiĉe konata.

En la okcidenta regiono Irana Esperanto-Asocio povas aliĝi al Mezorienta Kunveno, kiu okazas regule fare de MONA (Mezorienta kaj Norda Afrika Komisiono de UEA).

Mi vidas, ke en la sudorienta kaj centra regionoj mankas regula renkontiĝo inter tieaj esperantistoj. Tial jen mi konsilas, ke esperantistoj de la sudorienta regiono havu sian regionan renkontiĝon, ĉu seminario,

ĉu forumo, ĉu kongreseto sub la iniciato de Vjetnama Esperanto-Asocio. Por la centra azio mi ne havas konkretan proponon pro manko de informo de tiu regiono.

Mi esperas, ke en tiu ĉi jaro de loko al loko en Azio okazos pluraj Esperanto-eventoj laŭregione, kio tiros nin al la vojo de sukcesa azia movado. Esperante vian kunlaboremon, mi kore salutas.

## Regionaj renkontiĝoj kaj amikiĝo inter gesamideanoj en najbaraj landoj

INUMARU Fumio (Vicprezidanto de KAEM)

Komence de la nova jaro mi deziras feliĉon kaj sanon al vi ĉiuj.

Sekvante la proponon de s-ro Lee Jungkee, mi volas kompletigi ĝin paralele per la vidpunkto de amikiĝo kaj kunlaboro inter gesamideanoj en najbaraj kaj proksimaj landoj. Ni povas transiri la baron de distanco per la rimedoj de interreto. Aliflanke la rilatoj inter ni en tiuj landoj povas iam transformiĝi al realaj vid-al-vidaj renkontiĝoj per malpli alta vojaĝkosto. Tiuj rekontiĝoj estos okazoj de interamikiĝo kaj interkompreniĝo inter ni kaj formos bazon de kunlaboro. Tio kontribuos al fortigo de la organizado de regiona renkontiĝo.

Mi kalkulu ekzemplojn de najbaroj laŭ mia supozo; Irkutsk – Ulaanbaatar, Kunming – Hanojo – Guangzhou –Honkongo, Medan – Kuala Lumpur – Singapuro – Batam, Sri Lanko – suda Barato, Pakistano – norda Barato, Dushanbe – Samarkando. Vizitinte la urbon Ho-Chi-Minh en la suda Vjetnamio, mi komprenis ĝian proksimecon al Punonpeno de Kamboĝo. Efektive s-ino Le Thien Thu, vjetnama KAEM-ano, vizitis la urbon por nia movado. Oftas kontaktoj kaj vizitoj inter gesamideanoj en Koreio kaj la suda aŭ la okcidenta Japanio.

Ni planu regionajn renkontiĝojn realajn aŭ retajn kaj kompletigu ilin per tiuj inter najbaraj kaj proksimaj landoj en la vasta azia kontinento. La 3-a SAS estas jam en planado. Kaj kiel KAEM ne manku semado kaj helpado en landoj de malforta movado kaj subteno al junularaj movadoj.

Kun vi mi deziras antaŭenigon de nia movado.

## Alvoko por la Internacia Virina Tago 2015

Ni Hirosima Esperanto-Centro kiel unu el 22 organizoj sub « Plenuma Komitato de Internacia Virina Tago 2015 Hirosima » sendas al vi mesaĝon. Ni petas vin doni al ni vian respondan mesaĝon por la Tago, kaj transdoni nian mesaĝon al viaj geamikoj, viaj asocioj.

Ni ekspozicios viajn mesaĝojn ĉe publikaj ejoj de la urbo Hirosima kaj prezentos en la kunveno de la Tago.

Estimataj kaj karaj gesinjoroj en la mondo.

Ni, la Plenuma Komitato de la Internacia Virina Tago de UN 2015 Hirosima, konsistas el 22 organizoj kaj la municipo Hirosima, salutas vin solidarece, kaj elkore alvokas al vi. En la 8-a de marto, 2015, por la Internacia Virina Tago de UN, ni havos kunvenon por kunlaboro per saĝoj kaj fortoj, kaj antaŭen puŝos konstruon de la socio por komuna partopreno de geviroj.

Virinoj de la gubernio kaj de la urbo organizas kunlaboron por heredigo de la urbo paca al sekvanta generacio. Nur en paco ni povas koncentri fortojn por antaŭenpuŝo de komuna partopreno de geviroj.

En aŭgusto antaŭ 70 jaroj la nuklebomboj en sekundoj detruis la du urbojn Hirosima kaj Nagasaki, rabis 210 000 vivojn.

Hodiaŭ ankoraŭ daŭras sufero de pli ol 200 000 Hibakŝoj, bombitaj de nuklea armilo. Sed pli ol 16 000 nukleaj misiloj ankoraŭ nun restas ekipitaj kaj tuj lanĉeblaj en la mondo.

Nun por nuligi ĉiun nuklean armilon necesas agado en civitana nivelo kaj movi sian registaron en multaj landoj.

Temo de la Internacia Virina Tago 2015 Hirosima estas:
“En 70-a jaro post la atombombado pacon protektu ni mem, se ni ne agadas, nenio ŝanĝiĝos.”

En tiu tago, la 8-an de marto, ni havos prelegon, elpensos, kion lanĉi al la mondo el atombombita Hiroŝimo. Ni mem aktivu por paco kaj por detruado kaj malpermeso de ĉiuj nukleaj armiloj.

YOSIDA Mariko (s-ino)
Prezidanto de la plenuma komitato, Municipo Hirosima, Japanio

**Kun virinaj organizoj:**
Arko de Hirosima/ Konsilio Yui-porto / Kina karavano/ Novjapana virina asocio/ Ligo de vartistoj/ Hirosima Esperanto-Centro/ Ligo de medicinaj sindikatoj/ Sindikato de emeritoj/ Instruista laborsindikato/ Ligo de solaj patrino k infano(urba)/ Laborsindikato de municipaj oficistoj/ Laborsindikato de urbaj oficistoj/ Ligo de patrinoj de la urbo/ Ligo de lokaj virinaj asocioj de Hirosima/ Ligo de virinaj asocioj WENET/ Ligo de Komercistoj/ Virina demokrata klubo/ YWCA/ Centro de komuna partopreno de geviroj en la socio/ Ligo de Patrinoj de la gubernio/ Sekcio de komuna partopreno de geviroj de municipo Hirosima/ Konsilio de Kino-rondoj de la urbo.

**Limdato kaj aliaj:** la 15-a de februaro 2015. Maksimume sur unu leterpapero A-4 formata. Ankaŭ viroj rajtas skribi al ni. Kun notoj petataj: Nomo, sekso, aĝo se eble, profesio, urbonomo, lando.

**Kontaktoadreso:** OSIOKA Taeko osioka@mua.biglobe.ne.jp
Oogonzantyo 7-15, Minami-ku, Hirosima, 734-0041 Japanio

# Mongolio

## Vojaĝu en Mongolio

La 6an de januaro 2015 la turisma agentejo ETT kaj Mongola Esperanto-Societo interkonsentis realigi la turisman projekton kaj inviti esperantistojn kune ekskursi tra Mongolio. Jen estas la itineroj:
**Itinero-1.** Granda statuo de Ĉingisĥano, Nacia Parko Terelĝ
**Itinero-2.** Ruinaĵoj de mongolia antikva ĉefurbo Ĥaraĥorum
**Itinero-3.** Sperto de vivmaniero de brutbredanta nomada familio
**Itinero-4.** Gobi-dezerta regiono
**Itinero-5.** Lago Ĥuvsgul-la blua perlo de Centra Azio
PS: Detalaj informoj estos surretigitaj ĉe Facebook-paĝo de Mongola Esperanto-Societo kaj Vikipedio-paĝo de Mongolio
https://eo.wikipedia.org/wiki/Mongolio
https://www.facebook.com/mongola.esperanto.societo

Chimedtseren Enkhee chimedtserenenkhee@yahoo.com

# Koreio

## La 46-a Korea Esperanto-Kongreso




De la 25a (sab.) ĝis la 26a (dim.) de oktobro 2014, okazis ‘La 46a Korea Kongreso de Esperanto’ kun la temo “Esperanto, kiel la lingvo de la ĉiutaga vivo” en Seula Junulara Gastejo. En tiu ĉi kongreso kolektiĝis 149 esperantistoj el 7 landoj. El ili 139 estis koreaj, kaj 10 estis alilandaj esperantistoj.

**Atentindaĵoj**

Ĉi-foja KKE havas jenajn atentindajn karakterojn.

Unue, la kongreso komenciĝis je la 13a, pli frue ol antaŭaj kongresoj. Tial oni povis disponi sufiĉe da tempo al enhavoriĉaj prelegoj.

Due, s-ro Martin Schäffer, ĝenerala sekretario de UEA-estraro, partoprenis en la kongreso survoje al la esploro de la gastigebleco de la 102-a Universala Kongreso de Esperanto en la jaro 2017 en Seulo. En la ferma ceremonio de la kongreso, KEA rezolucie subtenis la okazigon de Seula UK en 2017.

Laste, estas notinde, ke 59 el la 139 koreaj kongresanoj estis gelernantoj de elementa, meza kaj supermeza lernejoj kaj studentoj. Oni konsideris la 46an KKE-n grava turnopunkto por okazigi la 102an Universalan Kongreson. Pro tio, oni decidis pli vaste semi kaj efike kreskigi kapablulojn, kiuj ludos ĉefan rolon en 2017.

**Prelegoj**

En la 1a tago de la kongreso, s-ro Martin Schäffer faris prelegon sub la titolo “La Strategia Laborplano de UEA aŭ strategio kaj planado ĉe Esperanto-organizaĵoj”. Sekve s-ro Keyhan Sayadpour, prezidanto de Irana Esperanto-Asocio, prezentis historion de verda movado en Irano.

Kiel atendite, la prelegoj de d-ro GONG Xiaofeng (Arko) el Ĉinio estis trafindaj kaj kernaj. Ŝi gvidis du prelegojn kun jenaj temoj: “Kiel praktike starigi kunlaboron en Azio?” kaj “Esperanto kiel eduka movado”. Tra ŝiaj prelegoj la kongresanoj povis serioze konsideri, kiel ni orientaziaj esperantistoj kunlaboru unu kun la alia por plenumi ‘la komunan Esperanto-edukadon en Azio’, kaj do kiel disvolviĝos Azia Esperanto- Movado.

Temas pri eduka metodiko de Esperanto, d-ro Markus Gabor el Hungario parolis pri “Efikaj Esperanto-instrumetodoj”, montrante siajn diversajn spertojn en Indramang-Universitato. Kaj laste, s-ro HO Song, prezidanto de Lingva Komitato de KEA, menciis lingvistikajn erarojn de koreaj komencantoj.

## Invitita prelego en Rotaria klubo en Seulo




LEE Jungkee (estrarano de UEA) estis invitita de Seula Namdemun-a Rotaria Klubo kiel preleganto pri Esperanto en la 4-a de decembro 2014. LEE prelegis dum duona horo kun la temo 'Internacia lingvo Esperanto en interreta epoko'. En la komenco de la prelego LEE parolis kun s-ino Ilia Sumilfia Dewi, prezidanto de Indonezia Esperanto-Asocio, per skajpo por montri aktualan utilecon de Esperanto al la rotarianoj. La prezidanto de la klubo estas s-ro LEE Sung-woo, estrarano de Korea Esperanto-Asocio. En la prelego prof. LEE Young-koo, prezidanto de Korea

Esperanto-Asocio kaj s-ino Natura (Joung Hyeon-ju), estrarano pri internacia fako de KEA, ĉeestis kiel gastoj. Post la prelego la ĉeestantaj rotarianoj ĵetis multajn demandojn pri Esperanto kun intereso. Pluraj personoj jam volas lerni Esperanton. Laste en Esperantujo naskiĝis Reta Esperanto-Rotaria klubo, kio estas tre bona signalo por amika kunlaboro inter du samcelaj organizaĵoj.

LEE Jungkee esperanto@saluton.net

## Aŭtuna Kurso de Namkang-Esperanto-Lernejo

Dum du tagoj, la 22an kaj la 23an de novembro, okazis la Aŭtuna Kurso de Namkang-Esperanto-Lernejo (NEL). Entute 48 esperantistoj partoprenis en ĝi. Ili lernis laŭ tri niveloj: la baza, la postbaza kaj la gvidantara. En la baza klaso la celo estis kutimigi la partoprenantojn pri gramatikaĵoj per kantoj, ludoj kaj diversaj paroligaj manieroj. La postbaza klaso konsistis el 5 programeroj (Ursa familio, numeralo, 50-Esperante, kantado, Kono-doni-kaj-ricevi). La gvidanta klaso celis kapabligi la partoprenantojn pri kapabligo de aliaj homoj.

Kiel speciala gasto venis s-ro JEON Gyeongdeok kaj prelegis pri la historio de Esperanto-movado en Koreio. Ni kun miro aŭskultis, kiel ambicia estis la unuatempa agado farita de pioniroj, kies nomoj estas bone konataj ne nur al esperantistoj, sed ankaŭ al ĉiuj koreoj. Jam de la epoko de la japana kolonio, trapasante reformadojn de politika-socia sistemo kaj Korean Militon, multaj pioniroj trovis en Esperanto la vojon kaj fariĝis entuziasmaj pri Esperanto por nia popolo.

KEA retrovis sian himnon « Pioniro », kiu bone servis por unuigo de la korea esperantistaro en malfacila tempo. Kun ĝojo kaj kortuŝo la partoprenantoj unuan fojon kantis ĝin, esperante, ke ĝi ĉiam firme tenu nin en unueco sur nia vojo antaŭeniranta. (La Lanterno Azia n-ro 316)

**Korekto:** En la antaŭa numero de Esperanto en Azio (oktobro 2014, nr-o 85) la artikolo de Heidi Goes pri ŝia agado en Orienta Timoro erare aperis sub la titolo 'Indonezio'. La lando ja estis okupita de Indonezio de 1976 ĝis 1999 sed de majo 2002 ĝi estas sendependa. Ni pardonpetas pro tiu malfeliĉa eraro.

# Israelo

## La reta revuo Israela Esperantisto

Aperis rete « Israela Esperantisto n-ro 160 », videbla en la retpaĝo http://esperanto.org.il/ie.html.

La papera n-ro estos disdonata al la ĉeestantoj de la Zamenhofa Vespero la 16an de decembro kaj al la aliaj abonantoj sendota poŝte. Interalie vi povos legi pri historiaj Esperanto-afiŝoj kaj spertoj de eksterlandaj vizitantoj en Israelo.

Eksterlandanoj, kiuj abonas por 2015 (10 eŭroj ĉe UEA aŭ ELI), ricevos kaj la n-ron 160 kaj la libron "Esti aŭ ne Esti" (108-paĝa kolora libro pri la bunta vivo kaj memoro de eksterordinara movadanino Esti Saban).

## Zamenhofa Festo

Marde, la 16an de decembro, okazis en la Tel-Aviva klubo la tradicia Zamenhofa Festo kaj la vintra Landa Kunveno de ELI. Ĉeestis ĉirkaŭ 30 personoj kaj David lumigis la Hanuka-kandelaron. Dror prelegis hebree pri Lapenna okaze de la 60-a datreveno de la Montevidea decido de Unesko. Okazis arta programo, dum kiu kantis kaj muzikis Shoshia, Enrika kaj Oded. En la oficiala parto Eldad raportis pri la agado de ELI dum la pasinta jaro, Shlomo la kasisto prezentis financan raporton kaj Nava Bilitcki prezentis detalojn de la 16-a Israela Kongreso en aprilo 2015 (http://esperanto.org.il/ik.html). Sekve okazis debato kaj elektoj. Fotoj (de Jael) videblas en la ELI-retejo http://esperanto.org.il/lk.html.

Amri Wandel amriwandel@gmail.com

# Malpli konataj literaturoj

Se vi havas intereson pri literaturo de Alĝerio, Barato, Indonezio kaj Kartvelio, vizitu la ĉi-suban retejon:

http://www.bonalingvo.org/index.php?title=Verkoj_el_malpli_konataj_literaturoj.

# Nepalo






## Speciala kurso

De la 1a ĝis la 15a de novembro 2014 okazis speciala kurso fare de Nepala Esperanto-Asocio sub la ĉefgvido de s-ro Bharat Ghimire kaj sub la helpoj de s-roj Punya Achary, Pradip Ghimire kaj s-ino Indu Devi Thapaliya. En la unua tago de la kurso aliĝis mirinde 32 homoj. Sed tagon post tago la nombro de la lernantoj falis, kaj ĝis la fina tago restis nur 16 lernantoj. Tamen, la nepalaj esperantistoj povas iom semi Esperanton eĉ al foririntaj kursanoj.

15 lecionojn oni instruis en la oficejo de la 1a ĝis la 13a de novembro kaj 5 lecionoj okazis en la hoteleto 20 kilometrojn for de Kathmandu, la ĉefurbo de Nepalo, 2000 metrojn super la marnivelo. La partoprenantoj atingis tien je la 15a horo, la ĉefo de la hoteleto bonvenigis ilin (28 homojn, inkluzive de 16 lernantoj, pluraj estraranoj kaj volontuloj de NEspA kaj NEJO).

Oni komencis la lecionon preninte tipajn nepalajn manĝaĵojn ("gundruko" kaj maizo), estis malvarme tie, kaj ĉiuj decidis resti en la grundo de la hoteleto, kie ili povis ĝui brilan sunon. S-roj Bharat Ghimire kaj Pradip Ghimire faris vortludon por amuze lernigi kaj memorigi vortojn.

Post la kurso la ĉeestantoj iom ripozis kaj babilis libere. Je la 18a horo ekaŭdiĝis muzikoj, kiam homoj sidis ĉe fajro, kaj sekve oni dancis ĉirkaŭ la fajro. Vere mirindajn horojn ĉiuj pasigis. Poste la partoprenantoj kune vespermanĝis kaj tranoktis en tendoj. En la sekva mateno s-ro Punya faris instruadon ĝis la 10a horo kaj post tio estis

kunfotado, kaj esperantistoj ekskursis ĉirkaŭ la hoteleto diskutante pri venontaj aferoj. Oni tagmanĝis kaj forlasis la hoteleton je la 13-a horo.

La kurso estas tre originala, ĉar antaŭe oni neniam okazigis E-kursojn tiamaniere. Dank' al la ideo de s-ro Bharat Ghimire kaj aliaj estraranoj de NEspA, oni daŭre okazigos tian kurson kaj kreskigos la nombrojn de esperantistoj en Nepalo.

Esploristo (Pradip Ghimire esploristo@hotmail.com)

## Renkonto kun la ministro pri Edukado



Elkorajn salutojn. Jen mi volas informi, ke hodiaŭ estas gravega tago por nia lingvo Esperanto en Nepalo. Mi kaj la vicestro de Southwestern State College, s-ro Hari Singh KC, kie mi havas regulan sed baznivelan kurson kaj kie nuntempe ĉi-jare nur kvardek sep gelernantoj (17-jaraĝaj ĝis 20-jaraĝaj) lernas nian lingvon ĉiutage, renkontis Ministron kaj Sekretarion pri Edukado en Nepalo. Dum la kunsido ni proponis, ke la ministerio pri edukado akceptu Esperanton kiel nedevigan lecionon en privataj kaj ŝtataj kolegioj.

La skretario demandis, kiu internacia eduka instanco (kolegio aŭ universitato) ekzamenos nivelojn de niaj gejunuloj kaj donos atestilon.

Due li aldiris, ke ili respektas la rezolucion de UNESKO, se ĝi gvidas, indikas pri la instruado, lernado de Esperanto, sed bezonas klarigan dokumenton aŭ korespondadon de UNESKO aŭ de UEA. Li diris, ke la ministerio bezonas ian formalan proponleteron de

Administranta Komitato de la Kolegio kaj UEA por akcepti Esperanton kiel nedevigan lecionon.

Kiu internacia eduka instanco estas preta tuj ekzameni niajn gelernantojn, kiuj jam finis kurson MAZI EN GONDOLANDO kaj povas doni atestilon? Bonvolu akcepti miajn bondezirojn kaj atendante viajn kuraĝigajn valorajn gvidojn kaj subtenojn.

Mian Salam SHANY (Internacia Ĵurnalisto el Pakistano)
m.s.shany@gmail.com

## La 155-a Zamehofa Tago

Nepala Esperanto-Asocio festis Zamenhofan tagon en la 15a de decembro 2014 en Esperanto-Domo en Thamelo. La programo komenciĝis je la kvina posttagmeze kaj finiĝis je la 7:30 vespere. Estraranoj, gravuloj kaj gastoj de NEspA komune inaŭguris la programon lumigante la kandelon.

Poste, ĉiuj emfazis, ke Esperanto estas ne nur lingvo sed ĝi estas lingvo de amikeco, frateco kaj kunlaborado. Ni sentas, ke ĉiuj esperantistoj devenas el la sama familio sub la ideo de Esperanto. Ili ĉiuj konstatis, ke laboro de Zamenhof pli kaj pli taŭgas en la nuna mondo. Ankaŭ ili memorigis, ke ni ĉiuj devas propagandi kaj instrui Esperanton por ke ĝi vivu kaj estu utila por la venontaj generacioj kaj tio estos vera datrevenfesto de nia Majstro.

Estraranoj de NEspA Ramesh Aryal, Navin Lal Shrestha, Prakash Ghimire, Binita Rimal, kaj estraranoj kaj membroj de NEJO Pridip Ghimire kaj Alinka Pokharel salutis kaj esprimis siajn opiniojn en la programo. Gasto s-ro Mian Salam Shany klarigis pri la filozofio de Zamenhof kaj plu diris, ke Zamenhof mem pruvis sian filozofion dum sia vivo, tion apenaŭ filozofoj faris. Membro Parashar Rijal diris, ke lia vidpunkto pli grandiĝis post kiam li eklernis Esperanton. Novaj esperantistoj Ramesh Chalise, Mahesh Shrestha kaj Ĉakrapani Sapkota ankaŭ esprimis siajn opiniojn rilate al nia lingvo.

La programo finiĝis post la manĝado de diversaj manĝaĵoj preparitaj de s-ro Kriŝna Kanta Neupane.

## Zamenhofa Festo en la orienta Nepalo



La 15an de decembro Orient-Nepala Esperanto-Societo (ONES) festis la Zamenhofan Tagon. En tiu ĉi programo estis 27 personoj. El ili 22 estis esperantistoj kaj la aliaj estis novaj por Esperanto. En la programo la ĉefo estis s-ro Ganesh Dulal, la ĉefa gasto estis s-ro Lekhnath Ghimire (konsilanto de ONES) kaj la gasto estis s-ro Shree Prasad Pokharel. Unue la ĉefo de la programo bruligis tri kandelojn 1, 5, 5 sur la kuko.

Kaj s-ro Santosh komencis la Esperantan antifonon. S-ro Lekhnath Ghimire tranĉis kukon kaj ni ĉiuj manĝis ĝin. Post tio s-ro Shree parolis pri la Manifesto de Prago de la Movado por la Internacia Lingvo Esperanto. Post tio ĉiuj donis sinprezentadon. Abhishek montris dramon. Aktoroj estis Kaljan, Uĝal, Utsab, Suĝal, Sandip, Asis kaj Abhishek. La dramo estis tradukita en Esperanton el la nepala lingvo de f-ino Abhilasha kaj s-ro Shree. Temo de la dramo estis 'Bastoneto de magio'. La programo komenciĝis ekde la kvina vespere kaj finiĝis je la sepa. S-ro Ganesh Niroula estis kondukanto de la programo. La kunveno estis malgranda sed bona. Dankon.

Abhishek Pokhrel apokhrel10@yahoo.com

## La lasta alvoko al la 11a Internacia Himalaja Renkontiĝo

Ekde la 26a de februaro ĝis la 8a de marto okazos la 11a Internacia Himalaja Renkontiĝo en Nepalo. La unuan semajnon oni turismas en la Katmandua Valo kaj la lastan semajnon oni piedvojaĝos en la montaro Annapurna por vidi neĝajn montegojn. Dume okazos prelegoj de la partoprenantoj. Detala informo ĉe www.esperanto.org.np

**Ĉinio**

# Zamenhofa Festo en diversaj urboj

El Popola Ĉinio raportas pri la Zamenhofa festo en diversaj partoj de Ĉinio. USUI Hiroyuki (El Popola Ĉinio)

Zamenhofa Tago en Ĉinio - esperanto.china.org.cn



**Pekino**

La 14-an de decembro Pekina Esperanto-Asocio okazigis kunvenon en Nanluoguxiang, fama promen-strato en Pekino, por memori la 155-an datrevenon.



**Guangdong**

Eksaj prezidantoj de Guangdong-a kaj Kantona Esperanto-Asocioj, sinjoroj Ye Peixue kaj Lin Liyuan respektive voĉlegis raportojn pri la laboro de la du asocioj.



**Chenzhou**

La 14-an de decembro Chenzhou-a E-Asocio de Hunan-provinco, Ĉinio, okazigis aktivadon por disvastigi Esperanton en la urbo.




**Hubei**

La 12-an de decembro kunvenis pli ol 80 esperantistoj de la provinco Hubei, suda Ĉinio, por memorfesti la 155-an datrevenon de la naskiĝo de L. L. Zamenhof.

## La 2-a E-semajno en la elementa lernejo "Baiyangshujie"



Arko, Prof. Dr. GONG Xiaofeng
School of Environmental and Chemical Engineering, Nanchang University, Nanchang, CN-330031, Ĉinio arko.gong@qq.com

## Tajvano

### Zamenhofa Festo

Tajvana Zamenhofa Festo okazis la 14an de decembro en la kongresejo de Pingtung-a Komunuma Kolegio. La festo estis subtenita de la komunuma kolegio, ĉar ĉe la kolegio jam okazis klasoj pri Esperanto kvinfoje kaj pli ol 50 lernantoj vizitis la klason de Esperanto. Esperanto jam estas mirinda internacia kulturo en Pingtung (Esp: Pindon), tiu ĉi suda urbo de Tajvano.

Zamenhof-festo 2014 en Tajvano
Zamenhofa Festo 2014 - Pingtung (TAIWAN)
Zamenhofa Festo en Tajvano 2014 (Dum pauzo)

La ĉef-zorganto de ĉi-foja Zamenhofa Festo estis franco Cyril Vergnaud. Li instruas lingvojn, kaj kun edzino Tajvana vivas en Pingtung ok jarojn. Antaŭ du jaroj li fariĝis entuziasma Esperantisto kun Pingtung-a Esperanto-grupo kaj nun unu el la Esperantaj instruistoj tie. La okazo de Zamenhofa Festo kaj la rakonto de Cyril estis tre interese kaj favore raportita en la populara angla ĵurnalo „Taipei Times“ kaj la sama raporto aperis interrete je:
http://www.taipeitimes.com/News/feat/archives/2014/12/13/2003606608

Je la 2a ptm venis ĉirkaŭ 40-kelkaj lernantoj de Esperanto-klaso de komunuma kolegio, lernantoj de Pingrong-a Mezalta Lernejo, aŭ iamaj lernantoj de Reza, amantoj de Esperanto, gastoj el aliaj lokoj.

Unue oni malfermis la feston kun salutmesaĝoj de Esperantaj amikoj de Tajvano kaj transmaraj landoj. Post la malfermo estis festa muzikludo, prezentita de la muzik-instruisto Zhao Kangming kun liaj lernantoj. Sekve du progresantaj esperantaj fraŭlinoj Lotuso kaj Nami prezentis Esperanton kaj siajn spertojn por varbi novajn lernantojn de Esperanto.

Cyril montris interesan filmeton de Youtube pri Esperanto. La filmeto estas tre taŭga por varbi novajn samideanojn. Sekve Reza instruis al la partoprenantoj bazan Esperantan konversacion per la teksto de Ana Pana el « Lernu ».

Poste estis vico de danco gvidata de Yvonne. Ŝi estas fidela kursano kaj bona instruisto de jogo kaj danco. Ŝi uzis melodion de Esperanta kanto “Kiu lingvo estas por la homaro?” kaj inventis koregrafion por ĝi.

Post la paŭzo Abengo komencis sian raporton pri sia vojaĝo per Esperanto tra 15 landoj. Li opinias, ke per vojaĝo oni facile plibonigas sian parolan kapablon kaj spertas la buntecon de la monda kulturaro. Post Abengo la fama hispana poeto Jorge Camacho deklamis siajn du poemetojn, kaj Ingrid legis la ĉinan tradukon. La aŭskultantoj havis ŝancon ripeti la poemetojn de verso al verso post Jorge. La poemetoj temis pri arboj.

Sekve estis raporto de Reza pri la ĉi-jara Esperanto-movado en Tajvano kaj la internaciaj interŝanĝoj de tajvanaj esperantistoj kun

eksterlandanoj. La lasta sesio de la festo estis liberaj kantoj, dancoj kaj ludoj gvidataj de Cyril. Fine per loterio ĉiuj partoprenantoj gajnis donacojn. Plej laste Pingtung-a Komunuma Kolegio donis dank-atestojn al ĉiuj kontribuantoj aŭ zorgantoj.

Ĉi-jara Zamenhof-festo estis pli malgranda kompare kun la pasintjara, sed la festo montris la buntecon kaj taŭgecon de Esperanto. En la malgranda urbo Pingtung venis pli ol 40 partoprenantoj inkludante ses eksterlandanojn, kaj venis pli ol 10 salutmesaĝoj el la mondo. La angla ĵurnalo faris tre favoran anoncon pri la festo. La Esperanto-Movado en Tajvano progresas humile, kontribuanta al la internacia kulturŝanĝo. Vivu la spirito de Esperanto!

Abengo (Chaoming Cho: chaomingcho@outlook.com)

## Novjara Esperanta Renkotiĝo 2015 en Kaohsiung



La unuan tagon de la nova jaro, esperantistoj el Pingdong kaj Kaohsiung renkontiĝis en Fongshan de Kaohsiung ĉe Restoracio “Casa la Fee” por vespermanĝo kaj babilo. Venis naŭ esperantistoj al la renkontiĝo.

Abengo




## Aperis bona artikolo en angla ĵurnalo

Taipei Times estas la plej prestiĝa kaj kvanta angla ĵurnalo en Tajvano (kun pli ol 50,000 ekzempleroj tage). Ĝi antaŭ jaroj havis unu-paĝan artikolon pri Esperanto, kiun reprintis de Gaurdian ĵurnalo de Britio kaj al tio postan tagon Claud Piron reagis kaj ili printis ĝin ankaŭ. Nun hodiaŭ ĝi metas anoncon bonan pri Zamenhofa Festo en Tajvano.

Reza KHEIRKHAH rezamenhof@yahoo.com

## Vjetnamio

# Zamenhof-Tago kaj la Jaro “Montevideo 60”




La 14an de decembro 2014 Vjetnama Esperanto-Asocio (VEA) okazigis kunvenon por festi Zamenhof-Tagon kaj la Jaron “Montevideo 60”. Malgraŭ malvarma vetero de vintro en Hanojo, multaj esperantistoj, eĉ maljunaj, partoprenis en tiu grava evento de Esperantujo. Alveninte al la kunveno, ĉeestantoj ĝuis diversajn programerojn. Unue, okaze de la evento “Montevideo 60”, vjetnamaj esperantistoj revidis sukcesojn gajnitajn dum la preskaŭ 60 jaroj ekde la fondiĝo de VEA. Krome, ankaŭ la projekto kaj plano por la venonta jaro 2015 estis prezentitaj kiel reago al alvoko de la prezidanto de UEA.



Kadre de la programo, atestiloj estis donacitaj al du lernantinoj, kiuj sukcesis en A2-ekzameno okazigita en la pasinta oktobro.

Estas rimarkinde, ke por la unua fojo VEA presis kaj aldonis diplomojn al “luktistoj” de la internacia legkonkurso–Sumoo. (Foto)

Kutime, Zamenhofa Tago estas la lasta grava evento de la jaro sed ĉi-jare, 33a Komuna Seminario (KS) – Renkontiĝo de gejunuloj, kiu okazos en Ho-Ĉi-Min-urbo je la fino de 2014, atentigas multajn vjetnamajn esperantistojn.

Hoan Tran hoantran37@gmail.com

[vjetnamaj-esperantistoj] <vjetnamaj-esperantistoj@yahoogroups.com>

# Rusio (Azia parto)

## TILE-8 en Soĉi

Tagoj de Internacia Lingvo Esperanto - 8 (TILE-8) sukcese pasis en Soĉi (Rusio) la 31-an de oktobro - la 8-an de novembro 2014. La E-aranĝon partoprenis 34 personoj:

- 10 personoj el Soĉi, - 3 personoj el Jalta, - 3 personoj el Mahaĉkala,
- 2 personoj el Krasnaja Poljan, Uljanovsk, Dimitrovgrad, Taganrog, Krasnodar, Kislovodsk kaj Nevinnomyssk,
- 1 persono el Gelendĵik, Volgograd, Tomsk, Stavropolj.

Okazis riĉa turisma kaj kultura programo: ekskursoj al la Olimpika parko, al Roza-Ĥutor/Krasnaja Poljana, vizito al Muzeo de Pentroarto, la fermo de kinofestivalo "Kinotavrik", koncerto de orgena muziko en Soĉia orgena halo..., seminarioj pri la E-movado kaj uzado de Esperanto, ekzercado de Esperanto k. t. p.

Esperantistoj el Krimeo timis publike rakonti pri la lastjaraj eventoj en Ukrainio, Krimeo kaj Novrusio (Donecka kaj Luganska Popolaj Respublikoj) pro la totala teroro de la kieva reĝimo en Ukrainio kaj eksterlande. Ili supozis, ke ankaŭ en TILE-8 povus ĉeesti agentoj de la kieva reĝimo (eble ne senkaŭze). Sed ili rakontis multon private.

Vladimir MININ mininvl@yahoo.com

# Japanio

## Raporto de La 101a Japana Kongreso



第101回日本エスペラント大会 La 101-a Japana Esperanto-Kongreso Obama Hukui 2014年10月11日～13日

La 101-a kongreso okazis en la urbo Obama inter la 11-a kaj la 13-a de oktobro en 2014. Ĉeestantoj nombris 240 inkluzive de 29 el 9 landoj ekster Japanio. 12 el Ĉinio kaj 7 el Koreio enhavis partoprenintojn en la 4-a ISOA okazinta dum la antaŭa semajno.

En la inaŭguro salutis s-ro Suzuki Keiichiro, la prezidanto de Japana Esperanto-Instituto, s-ro Kitagaŭa Ŝoozi, la estro de Loka Kongresa Komitato, s-ro Macuzaki Kouĵi, la urbestro de Obama, reprezentantoj el invititaj Landaj Asocioj; s-ro Nan Youli el Ĉinio, s-ino Bak Suhyeon (Elstara) el Koreio kaj s-ro Huynh Van Ut el Vjetnamio, kaj invititaj prelegantoj, prof-ino Gong Xiaofeng (Arko) el Ĉinio kaj s-ro Kim Seon-Wook (Suno) el Koreio. Ĝojigis ĉeestantojn tio, ke s-ro Macuzaki, ne esperantisto, salutis duone en la beleprononcita Esperanto.

La urbo Obama kun la loĝantaro de ĉirkaŭ 30 000 situas apud la golfo Wakasa kun bela pejzaĝo kaj marproduktaj manĝaĵoj, kiuj transportiĝis al centraj urboj jam en antikva tempo de la diskrikto Wakasa, al kiu la urbo apartenas. En la disktrikto pli ol dek nukleaj

centraloj konstruiĝis dum neniam en Obama. La urbo estis havenurbo al la azia kontinento.

Kongresa temo estis « Ni akordu trans la maro - manĝo, naturo kaj amikiĝo ». Prelegoj malfermaj al la civitanoj okazis laŭ la temoj; Prof. Shosaku ISOBE, specialisto kaj esperantisto, pri sekureco kaj kvalito de manĝaĵoj, Arko pri situacio de medio kaj energio en Ĉinio, s-ino NISINO Hikaru por diskrikto, ne tro dependanta de atomcentraloj, prof. KIMURA Goro Christoph pri Energi-konverto el de loĝlokoj – ekzemploj en Germanio kaj la ebleco en Japanio, Suno pri sia unumonata vojaĝo tra Japanio per Esperanto kaj s-ro OMORI Kazuyoshi pri de li reeltrovita historio, ke la vilaĝanoj savis la koreajn ŝipanojn, kies ŝipoj drivis al la bordo de la urbo Obama en 1900. Okaze de la kongreso memore eldoniĝis la bild-libro “La vilaĝo, al kiu la vento blovas” en Esperanto. Pri la nukleaj centraloj prelegis du aliaj en alia programero; s-ro NAKAZIMA Tetuen, budisma monaĥo, kaj d-ro Dieter Kleemann, germana kuracisto.

Kiel unu el la fakkunsidoj okazis Azia Agado unu kaj duonhorojn. Tie invititoj el Azio raportis pri sia landa agado; Koreio, Vjetnamio kaj Ĉinio. Sekvis raportoj pri Japanio, KAEM kaj Japana Esperanto-Junularo kaj invito al la 33-a Komuna Seminario okazonta en la urbo Ho-Chi-Minh. Menciiĝis, ekzemple, kakaotokaj kursoj en Koreio, printempa kaj somera renkontiĝoj en Vjetnamio kaj kurso en universitato en Hanojo, la 10-a kongreso kaj malfermo de la Esperanto-muzeo en urbo Zaozhuang en Ĉinio, enketo al JEI-membroj pri taksado kaj farendaĵoj de JEI. Petiĝis kontribuo de japanoj al azia movado. Japana Esperanto-Junularo fortigas edukadon. Post ĉiu raporto okazis demandoj, kaj sekvis libera diskuto. Traktiĝis administrado de KAEM, kotizo de KS k.a.

Programeroj lastatagaj estis mallongigitaj pro la alproksimiĝo de tajfuno. Ni revenis hejmen kun kara memoro kaj refreŝigita energio.

(INUMARU Fumio, LKK-ano de la kongreso
inumaru-f@nifty.com)

## Zamenhofa Vespero / Esperanto-Festo en Tokio

La 7an de decembro okazis la 22-a Zamenhofa Vespero/Esperanto-Festo en Tiara Koto, Tokio, organizite de 8 Esperanto-Grupoj de Tokio*. Prof. KOGO Chiharu prelegis pri Homaranismo de Zamenhof kaj Socia Intereso de Alfred ADLER, psikologo, kiu aktivis kun S. FREUD kaj C.G. JUNG. D-ro Ulrich LINS parolis pri la 100-a Universala Kongreso de Esperanto kun historia vidpunkto pri kelkaj UK-oj okazintaj en Francio. S-ro IWAMA Kyo prezentis "Librobatalo"-n kaj kun siaj amikoj legis poemojn trilingve en Esperanto, la korea kaj la japana. S-ro ISINO Yosio de JEI prezentis ĉirkaŭ dek elektitajn librojn, kiuj vendiĝis ĉe provizora librostando.

*8 Esperanto-Grupoj de Tokio: Grupoj en Chofu, Ikebukuro, Meguro, Mitaka-Musashino, Nishinippori, Sinzyuku, Suginami kaj Rondo Korno



En la dua parto la ĉeestantoj disiĝis en grupojn por interparoli kaj diskuti pri kelkaj temoj. Ne mankis viglaj junuloj kaj ĉeestis 68 homoj.

Ni vidis ankaŭ s-ron Glauco POMPILIO, KKS de la 50-a UK en Tokio, la unua UK en Azio. Syozi Keiko syozik@qa2.so-net.ne.jp

## Zamenhofa Festo en Hiroŝima

La 14an de decembro en Zamenhofa Festo ĉe la Kursejo de Hiroŝima Esperanto-Centro ĉeestis 10 el la 14 membroj, krome mezaĝulo eklerninta Esperanton en sia juneco, venis kaj aliĝis al HES (Hiroŝima-Esperanto-Societo) kiel la 15a membro.

Kiel la unuan programeron ni voĉlegis la Japanan Konstitucion: la antaŭparolon, la artikolojn 9an ĝis la 40a kaj la 100a laŭvice ok membroj. Por la Konkurso de voĉlegado 7 membroj aĉetis ĵus eldonitan "La Konstitucio de la Regno Japanio" en Esperanto. Poste 11 ĉeestantoj prenis lunĉon el suŝio, kokaĵo, salato, misosupo, fruktoj kaj kukoj.

Jen estas la plano 2015 de HES:

1. Havu "Unu-horan", "Du-horan" kaj "Tri-monatan" kursojn ripete en 2015.
2. Por ke ni tenu la movadon en la urbo Hiroŝima en la regionoj Ĉuugoku, Ŝikoku, Kjuuŝuu kaj apuda lando Koreio havu renkontiĝojn ĉe la Esperanto-Biblioteko en la urbo Ŝimonoseki, la lumturo de Esperanta Vojo de Azio.

Osioka osioka@mua.biglobe.ne.jp

## Zamenhofaj Festoj en Japanio

11/30 : Kioto/Uĵi-Ĵoojoo/Oomi
12/06 : Numadu, Ĉoofu, Maĉida, Ŭakajama, Kagoŝima
12/07 : Tokio (8 kluboj), Jamanaŝi, Kameoka, Suita/Ikeda/Tojonaka
12/08 : Hokajdo
12/10 : Fukuŝima
12/12 : Kafejo-Lante Rondo (Oosaka)
12/13 : Sapporo, Sendai, Gunma, Harima/Koobe, Okajama, Mijazaki
12/14: Morioka, Funabaŝi, Kanagaŭa, Kakegaŭa, Sakai/Oosaka/Nara, Hiroŝima, Kagaŭa, Ehime
12/15: Kumamoto
12/16: Tomakomai
12/20: Nagoja, Universitato de Kioto,
12/21: Jamagata, Fukuoka, Nagasaki

## Diversaj eventoj en novembro

Kursoj: Jokohama, Takacuki, Ĉoofu, Saitama
Ekspozicioj : Haĉiooĵi, Uĵi-Ĵoojoo, Musaŝino,
Ekskurso : Kameoka,
Prelegoj : Suita, Funabaŝi,
Koncerto: Kioto
Memorkunsido de s-ro Jui: Jokohama
Kongresoj: Toohoku, Ĉuugoku/Ŝikoku

## La 55a Toohoku-Kongreso




Okazis la 55a Toohoku-Kongreso de Esperanto en la urbo Morioka la 2an kaj 3an de novembro.

S-ino Aleksandra Ŭatanuki parolis pri sia entrepreno en Pollando pri la eldono de japanaj *manga*-oj. Ŝi kaj ŝia edzo komencis eldoni *manga*-ojn antaŭ pli ol 10 jaroj, sed ne sukcesis. Ili klopodis disvastigi *manga*-ojn inter gejunuloj, kaj nun ilia eldonejo okupas la unuan lokon en tiu kampo.

Prof. Gotoo Hitoŝi, kompilanto de « Biografia Leksikono de la Esperanto-Movado en Japanio », parolis pri ne-konataj esperantistoj el la regiono Toohoku.

La kongresanoj ankaŭ ĝuis la Gajan Vesperon kaj la ekskurson.

# S-ro HORI Jasuo parolis 40 minutojn en radio

Je la 4a horo matene la 7an de januaro s-ro Hori Jasuo parolis dum 40 minutoj en la programo “Meznokta Mesaĝo” de la duonŝtata, plej prestiĝa radioelsendstacio NHK. Jen la skiza enhavo de lia parolado :

Saluton. Mi estas Hori Jasuo. Esperanto estis kreita de d-ro Zamenhof en 1887, celante pacon, amikiĝon kaj amon en la mondo. Mia forpasinta patro estis esperantisto, do kiel knabo mi konis Esperanton. Tiutempa plej granda impreso pri Esperanto estis bluaj floroj. Li havis leteramikon en Norvegio, kiu sendis al li semojn. El tiuj floris belaj bluaj floroj, kaj mi sciis, ke per Esperanto mi povos havi amikojn en la mondo.

Mi ne sciis longe, kial mia patro estis entuziasma pri Esperanto. Antaŭ nelonge mi trovis postlasitaĵojn de liaj soldataj jaroj. En tiuj mi trovis, ke li distingis sin en batalo en Ĉinio. Li tute ne parolis pri la kruelaĵoj en la milito eĉ al sia edzino, kaj nenion parolinte, mortis. El liaj postlasitaĵoj, mi konstatis, ke anstataŭ paroli pri tiuj aferoj, li dediĉis sin al Esperanto kiel sian pentoferon al sia ago, kaj tra siaj Esperanto-agadoj li montris al mi kiel agi kiel sincera homo.

Kiam okazis la Japana Katastrofo en 2011, mi komencis raporti pri okazaĵoj en la katastrofo kaj pri homoj, kiuj kotraŭstaras la malfacilojn. Mi partoprenis en « Fonduso Tooni » por helpi 100 gelernantojn en la vilaĝo Tooni de la gubernio Iŭate. Mi kolektas monon, vojaĝas al la vilaĝo por kuraĝigi ilin, kaj sendas raportojn kaj la de mi tradukitajn lernejajn informilojn al la mondo. Venis reagoj, kuraĝigoj, mono kaj donacoj de esperantistoj en la mondo. Nun mi estas tre feliĉa, ke dank’ al d-ro Zamenhof, mia patro kaj amikaj esperantistoj mi povas dediĉi min al la suferantoj.

Mi deziras, ke el tiu Katastrofo naskiĝu la “bono-cikliga societo”. Jen estas kanto versita de mi : « Florojn de espero, florojn de amo, ni semu kaj florigu, de la maro de Tooni al la mondo ! » Koran dankon ! Ĝis revido.

Post la elsendo venis multaj dankaj kaj laŭdaj telefonoj kaj mesaĝoj.

**Paĝo de KAEM**

# Aktivuloj, membriĝu al UEA subvenciite de "Fondaĵo Azio de UEA"

Estas malfacile por esperantistoj loĝantaj en nepagipovaj landoj membriĝi al UEA pro financa kialo, tamen certe vi volas esti membroj de UEA. Do sendu jenan peton al KAEM. Se KAEM konstatas, ke vi estas diligentaj esperantistoj, ĝi aligos vin al UEA senpage kaj vi ricevos la belkoloran organon "Esperanto" 11 fojojn jare aŭ retan version. Vi ne plu estos izolitaj esperantistoj, sed en la rondo de la monda esperantistaro.

**Aliĝ-maniero**

1. Skribu jenajn tri aferojn.
1) Viaj nomo, adreso, retadreso, naskiĝdato, profesio, kariero en Esperantujo ktp.
2) Viaj agadoj por la movado en 2014 kaj planoj en 2015.
3) Membreco: MG, MJ (-T) aŭ MA (-T)
   * MG : kun Gvidlibro tra la Esperanto-movado kaj la revuo Esperanto rete.
   MJ (-T) : kun Jarlibro kaj la revuo Esperanto rete (kaj ĝis inkl. 29 jaroj, membroj en TEJO kun Kontakto)
   MA (-T) : kiel MJ (-T) plus la revuo Esperanto
2. Sendu rete al s-ro INUMARU Fumio inumaru-f@nifty.com Aŭ sendu ĝin poŝte al KAEM: ĉe Japana Esperanto-Instituto (JEI) Japanio 162-0042 Tokyo-to Sinzyuku-ku Waseda-mati 12-3
   * Skribu "Projekto C" kiel titolon aŭ sur la koverto.
3. Limdato: la 30a de novembro 2014. Tamen ni atendas iom pli.

**Notoj:**

1) **Skribu klare vian nomon kaj adreson en Esperanto!**
2) Rajtas membriĝi nur unu el la familianoj en la sama adreso.

**Peto al riĉaj ĉinoj**

Riĉaj ĉinaj esperantistoj ne aliĝu al tiu ĉi senpaga servo, sed mem membriĝu al UEA, kaj se eblas, donacu pli ol 5 eŭrojn al Fondaĵo Azio de UEA por subteni la eldonon de "Esperanto en Azio" .

* En 2014 membriĝis el Vjetnamio, Ĉinio, Indonezio, Mongolio kaj Taĝikio. Certe troviĝas kandidatoj pri tiu subvencio en aliaj landoj. Ne forgesu peti.

# Esperanto-eventoj

**Tutmonde**

7.17~7. 25 / La 48-a Konferenco de ILEI (Oostende, Belgio)
7.25~8.01 / La 100a Universala Esperanto-Kongreso (Lille, Francio)
8.02~8.09 / La 71a Internacia Junulara Kongreso (Wiesbaden, Germanio)
8.08~8.15 / La 88a SAT-Kongreso (Nitra, Slovakio)

**Azio**

2.20~22 / La 2a Srilanka Esperanto-Kongreso (Ĝa-ela, Srilanko)
2.26~3.8 / La 11a Internacia Himalaja Renkontiĝo (Katmanduo, Annapurna, Nepalo)

**KAEM-anoj**

**Ĉinio:** Wang Ruixiang 13436481089@163.com; wrxzj@tom.com
Prezidanto, Projekto A (Preparado de la 8-a Azia Kongreso en Ĉinio)

**Japanio:** Inumaru Fumio inumaru-f@nifty.com
Vicprezidanto, Projekto C (Membriĝo), Subteno al Indonezio, Filipinoj, Ekspedo de la revuo (“Esperanto en Azio”)

**Mongolio:** Chimedtseren Enkhee chimedtserenenkhee@yahoo.com
Ĝenerala sekretario (pri subvencio kaj elspezo el buĝeto), Reviziisto de KAEM-buĝeto, Interrilato kun UEA

**Hindio (Barato):** Giridhar RAO agiridhar.rao@gmail.com
Interrilato kun UEA (Raportoj al UEA pri KAEM-agado), Subteno al Srilanko

**Irano:** Omid Rohanian omid.rohanian@gmail.com
Subteno al najbaraj landoj de Irano (Arabaj landoj)

**Nepalo:** Mukunda Raj Pathik mpathik@gmail.com
Organizo de SAS (Sud-Azia Seminario), Projekto Ĉ (Edukado)
**Vjetnamio:** Le Thi Thien Thu lethienthu.esper@gmail.com
Subteno al Sud-Orientaj landoj (Laoso, Kamboĝo, Tajlando, Malajzio)
**Pakistano:** Zubair Muhammad zurnab_pk@yahoo.co.in
Subteno al najbaraj landoj (Bangladeŝo, Afganio), Organizo de SAS
**Taĝikio:** Firdaus Shukurov komintel@yandex.ru
Interrilato kun Centr-aziaj landoj (Kazaĥio, Uzbekio, Kirgizio, Azerbajĝano, Turkio kaj Rusio)
**Koreio:** Kim Hiongun nomota@mobigen.com
Projekto D (Publikado kaj sendado de lernolibroj, lerniloj de Esperanto), retejo de KAEM
**Israelo:** Eran Vodevoz evodevoz@yahoo.com
Projekto B, Interrilato kun eŭropaj landoj kaj afrikaj landoj, nord- kaj sud-Amerikoj

**Honoraj prezidantoj de KAEM**
Puramo CHONG (Koreio)
Hori Jasuo (Japanio) hori-zonto@water.sannet.ne.jp
Kompilado de la bulteno "Esperanto en Azio"
Lee Jungkee (Koreio) esperanto@saluton.net
Sasaki Teruhiro (Japanio) steruhiro@hotmail.com.co.jp
**Estrarano de UEA** Lee Jungkee (Koreio) esperanto@saluton.net

…………………………………………………………………………

**Esperanto en Azio**
Eldonanto: Komisiono de UEA pri Azia Esperanto-Movado
Adreso de KAEM: ĉe Japana Esperanto-Instituto (JEI)
Japanio 162-0042 Tokyo-to Sinzyuku-ku Waseda-mati 12-3
Reta adreso de KAEM (sendu viajn mesaĝojn al KAEM):
<azia-komisiono-de-uea-kaem@yahoogroups.com>
TTT-ejo de KAEM: http://www.esperantoazia.net/
Redaktoro: HORI Jasuo <hori-zonto@water.sannet.ne.jp>
Japanio 371-0825 Gunma-ken Maebaŝi-ŝi Ootone 2-13-3